‚Mutig vorwärts!‘ ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

**10ª jaro. N-ro 4** **Monata** **Aprilo 1933**

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

**Bundespräsident Wilhelm Miklas** als Protektor des Internationalen Esperanto-Museums hat der Witwe nach dem Präsidenten der Esperanto - Sprachenakademie John Mabon Warden in Edinburgh, Schottland, sein Beileid schriftlich ausdrücken lassen.

Der neue Gesandte des Königreichs Ungarn in Wien Exzellenz **Eugen von Nelky** ist in den Internationalen Ehrenausschuß des Internationalen Esperanto-Museums eingetreten.

Der neuernannte **Weihbischof von Prag Dr Anton Eltschkner** ist der erste röm.-kath. Bischof, der aktiver Esperantist und auch Präsident der Liga katholischer Esperantisten in der Tschechoslowakei ist.

Von den Altkatholiken ist **Bischof Robert Tüchler** in Wien der erste, der mit großer Vorliebe Esperanto betreibt.

Der **Bürgermeister von Wien Karl Seitz** über Esperanto: „Eines der der trennenden Momente uuter den Nationen ist von den Urzeiten der Menschheit her die Verschiedenheit der Sprache. Bestrebungen, die geeignet sind, auf sprachlichem Gebiete Brükken von Volk zu Volk zu schlagen, müssen aufs wärmste begrüßt werden. Das Werk Dr. Zamenhofs ist ein weiterer Schritt zur Lösung des Weltsprachenproblems. Der große Menschenfreund hat sein Werk Welthilfssprache genannt. Damit wollte er sagen, daß seine Schöpfung nicht die Aufgabe hat, irgend eine nationale Sprache zu verdrängen oder gar zu beseitigen. Nein, Esperanto will helfen, daß die Völker trotz der Verschiedenheit ihrer eigenen Sprachen leichter einander näherkommen, einander besser verstehen und daher — alles verstehen heißt alles verzeihen — besser Gegensätzlichkeiten ausgleichen.“ (Aus „Die Unzufriedene“)

Die **Budapester Messe** (6.—15. Mai) versendet schöne Werbeprospekte in Esperanto.

Das **Bundesministerium für Handel und Verkehr**, Wien, hat mit Rücksicht auf die guten Erfolge der Fremdenverkehrswerbung vermittels Esperanto soeben einen neuen äußerst geschmackvollen Faltprospekt in Esperanto herausgegeben und diese Esperanto-Auflage dem Jubiläums-Esperanto-Weltkongreß in Köln gewidmet. Dieser Führer durch Oesterreich wird unserem Lande neue Freunde werben.

Anläßlich des **4. Esperanto-Kongresses von Neu-Seeland**, Australien, sagte das Parlamentsmitglied G. R. Sykes, daß nun bald auch die Behörden in Neu-Seeland dem Verlangen der Esperantisten betreffs offizieller Anerkennung des Esperanto nachkommen werden.

**Esperanto-Theaterstück von Radio-Brünn.** Um den 25. April wird ein Einakter von Radio-Brünn in Esperanto gesendet werden. Wir beglückwünschen Radiojournal-Brno zu diesem Fortschritte.

**Radiostation Katowice**, Polen, sandte am 3. April seinen ersten Esperanto-Vortrag. Es ist zu begrüßen, daß nun auch Kattowitz dem Beispiele der anderen polnischen Stationen gefolgt ist.

Das **Wissenschaftliche Forschungsinstitut für Bibliothekskunde**, die öffentliche Bibliothek Lenin in Moskau, will das Netz seiner Korrespondenten ausdehnen und hat sich an die Sovjet-Esperanto-Organisation in Moskau mit dem Ersuchen gewandt, ihm vermittels Esperanto in jenen Ländern behilflich zu sein, deren Sprachen in USSR wenig bekannt sind (China, Japan, Türkei, Finnland, Holland usw.).

(Aus „Bulteno de CK de SEU“-Moskva)

Der **Filmstar Conrad Veidt** sagte in einem Interview: „Esperanto ist meiner Meinung nach eine großartige Sache und man müßte es alle Kinder lehren und in den Schulen einführen. Man müßte energisch für diese geniale Idee eintreten.“

## Oesterreich — Autriche
## Austria — Aŭstrio

Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien eldonis ĵus novajn, efikajn faldprospektojn en germana, franca, angla, itala, nederlanda, hungara kaj ĉeĥa lingvoj kaj en Esperanto.

Por ĉiuj eldonoj estas la sama titolpaĝo kun la supra titolo, do por ĉiuj lingvoj krom la germana, franca kaj angla la titolo en Esp. (Aŭstrio), kaj sur 4 paĝoj bela karto de Aŭstrio kun rimarko nur en la supraj 3 lingvoj kaj Esperanto.

**Sur la Esperanto-eldono estas krome kun verdaj literoj jena:** „Dediĉita al la Jubilea Kongreso, la XXV-a Universala Kongreso de Esperanto en Köln 1933.

Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien, Aŭstrio."

Sur 1 paĝo estas sportbildoj, sur 4 aliaj belaj vidaĵoj el Aŭstrio; sur 2 paĝoj Esp.-teksto (verkita de reg. kons. Steiner), kiu komencas per la vortoj: „Venu Aŭstrion je vizito de Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I. Neue Burg".

Ni danku al la Ministerio kaj al s-roj ministeriaj kons. d-ro inĝ. Friedr. Steiner kaj inĝ. Erwin Deinlein pro la eldonado (5000 ekz.), kiu montras la rekonon de la valoro de Esp. por la fremdulfrekventa varbado.

Kontraŭ alsendo de intern. respondkupono Int. Esp.-Muzeo sendos ĉi tiun prospekton kune kun bela 16 paĝa prospekto de urbo Wien.

---

Oesterr. Reise- und Verkehrsnachrichten n-ro 19, eld. de Ministerio por Komerco kaj Trafiko, Wien, publikigis la eldonon de la Esperanto-faldprospekto.

## Internacia Esperanto-Kurso.

Speciala internacia kurso de Esp por la geoficistaro de poŝto, telegrafo kaj telefono okazos en Esperanto-Domo en Arnhem, Nederlando, dum 21. junio—1. julio 1933.

Konsiderante la gravecon de la internacia lingvo por ĉi tiu oficistaro „Intern. Ligo de Esp. Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj" (ILEPTO) kaj Internacia Cseh-Instituto en kunlaboro kun Ĝenerala Direkcio de la Nederlanda PTT organizas la kurson.

La kurso estos gvidata de Andreo Cseh mem laŭ lia metodo sen lernlibroj, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro en praktika kaj amuza maniero.

Dum 10 labortagoj ĉiutage po 6 instruhoroj, posttagmeze studaj kaj amuzaj ekskursoj, vespere amuzaj aranĝoj.

Partopreni povas ankaŭ familianoj. Kotizo ned. guld. 5.—, por familianoj 3.—. La kursanoj povas loĝi en la hotelo de Esp.-Domo: komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj 3 manĝoj po tago kaj persono guld. 3—4. Servumo 10 %. Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon pagante almenaŭ por 2 tagoj, al Intern. Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando.

Ni informas samtempe oficiale pri ĉiuj detaloj la Ĝeneralpoŝtdirekcion en Wien kun la peto, diskonigi la aferon inter la geoficistaro. IEMW: Steiner

**Intern. Esp.- skikonkurso.**

E-Klubo „La Norda Stelo" en Hamar, Norvegujo (kie reg. kons. Steiner faris lastjare propagandparoladon por Aŭstrio) aranĝis la 26. III. la unuan skikonkurson en Furnesaen, proksime de la urbo, eble la unua tia aranĝo en la mondo. La konkurso vekis grandan intereson en la publiko kaj estis bona kaj ĉeca propagando.

**Per Esperanto por Esperanto.**

La 27. III. kalkulkons. R. M. Frey faris germanlingvan prelegon pri Danlando pere de Radio-Wien. Li komence menciis, ke li faris antaŭ 3 jaroj 6-semajnan vojaĝon tra la nordaj ŝtatoj, varbante por Aŭstrio per lumbild- kaj filmparoladoj en Esperanto. Per tio li deziris montri al la neesperantista publiko Esperanton kiel taŭgan, praktikan varbilon por fremdulfrekvento.

La enkondukajn vortojn parolis dana konsulo Broch nome de la ambasadorejo. Post la parolado kantis la fama operkantisto Helge Roswaenge danajn kantojn, akompanata ĉe la fortepiano de virtuozino Else Nielsen.

Interŝanĝa Radio-parolado el Kobnhaven pri „Aŭstrio" okazis la 4. aprilo en dana lingvo de verkisto Valeur-Fausböll. Enkondukajn vortojn diris la aŭstria ĝeneralkonsulo Friedrich Böhm kaj aŭstrian muzikon ludis aŭstria orkestro Fritz Mahler.

Pri la aranĝoj sukcese klopodis s-ano Frey.

Konsulo Broch en letero al Heroldo faris la konstaton, ke ĉi tiu propagando por Danlando nur estis ebla pere de Esperanto.

**4-a Novzelanda E-Kongreso.**

27.—29. dec. 1932 okazis la IV-a en Masterton kun granda sukceso. Parlamentano G. R. Syke, honora prezidanio de la Mastertona Klubo opiniis, ke baldaŭ la aŭtorita uloj de Novzelando rekonos oficiale la valoron de Esperanto. Nian gratulon al prez de NZEA, s-ano L. E. Dust.

**Radio-novajoj.**

El Radio-stacioj Warszawa kaj Krakow ĉiun duan merkredon E-prelegoj de 22 h 35 ĝis 22 h 55: 19. IV. Sprita kulturo de Polujo; 3. V. Poloj kaj Pollando iam kaj nun; 17. V. Kuracaj banlokoj en Pollando; 31. V. Somero en Polujo; 14. VI Beleco de pola muziko kun koncerto; 28. VI. Scienco kaj klereco en Polujo; 12. VII. Protekto al blinduloj en P.; 29. VII. Esp. kaj rolo de poloj en ĝia disvolvo.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.

Telefono n-ro R 27-803

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

**Hungarujo:**

Eugen v. Nelky, ambasadoro en Wien.

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Tonkin (Indo-Ĥinujo):**

Dinh Tú Lâm, inspektoro de instruado, Quang-Oai.

**Dumvivaj membroj** (Aŭstrio S 15.— ev. en 3 partpagoj), por alilandanoj svis. fr. 12.50; ili enpagu la egalvaloron ĉe iu banko de sia loko por la konto de „Oesterreichische Credit-Anstalt, Wien I. Renngasse" kun la ordono, ke oni pagu al la Muzeo la koncernan sumon en aŭstriaj ŝilingoj.

480. Skulina Francisko, lernestro, Boconovice, Jablunkaŭ, ĈSR; 481. Helfers Friedr., Karlsruhe; 482. Schnoer Jaime, Montevideo, Urugvajo; 483. Ridder Karl, Münster (Westfalen); 484. s-ino Magnus-Focké M., Orléans, Francujo; 485. Dinh Tú Lâm, Quang-Oai, Indo-Ĥinujo.

**Grupoj** pagas la saman kotizon por 10 jaroj:

40. Silezia Regiona Esp. Ligo, Ĉ. Teŝin.

**Ricevitaj sendaĵoj:**

17. G. Bell and Sons, London; 18. Sächs. E-Landesverband, Großenhain; 19. P. Henry Jos., Pulincunnoo, Trovancore, Hindujo; 20. Ido-Centrale, Berlin; 21. Ilmari Federn, Berlin; 22. Argentina E-As., Buenos Aires (foto: flugmaŝino de Argentina Aero-Klubo); 23. H. Sentis, Grenoble; 24. A. Hilkersberger, Landeck; 25. Lud. Rodo, Paris (interesaj bildoj ktp. de li mem desegnitaj); 26. Kendoo Tanaka, Ŝinnjoĵi, Jap.; 27. Maurice Ducbochois, Boulogne (aĵoj de I. Kongreso 1905); 28. E-Soc. Bern; 29. Meĵdunaroden Ezik, Sofia (N. Rublev, Proleta E-kurso); 30. Cath. Roskes-Dirksen, Haag, Ned. (muzikaĵoj); 31. N. Ŝapiro, Warszawa (N: Biro, Fraŭlino Ida; Bang, La Hontemulo; Strindberg, Amo kaj pano; Vienano, E per E); 32. dir. Kreuz, UFE, Genève (36 vizitkartoj de eminentuloj); 33. Ido-Centrale, Berlin (Reiske, Hundert Grundfehler des E); 34. UEA, Genève; 35. T. J. Guerritte, Surbiton, Angli; 36. d-ro S. Liebeck, Berlin (Juristisches Wörterbuch); 37. prof. M. Sygnarski, Bydgoszcz; 38. Kurt Schönrich, Wiesbaden; 39. P. Surjanenko, Valki, Ukrainio; 40. L. Agourtine, Paris.

---

**Koran gratulon al malnova propagandisto!**

S-ano **Rudolf v. Lidl**, Salzburg, festas
25-an esperantiĝjaron
25jaran UEA-membrecon
25j. membrecon al Unua E-Unuiĝo en Wien.




**Adreso:** Trajanstr. 25.
**Kotizo:** Rm 20.—.
**Aliĝis** ĝis nun 443 personoj el 28 landoj.

**Fakaj kunvenoj** krom la jam menciitaj: **Internacia Scienca Asocio:** S-ro Rollet de l'Isle, 35 Rue de Sommerard, Paris V.

**Unuiĝo de E-istaj virinoj:** S-ino Elise Jakobs, Mathildenstr. 9, Flensburg, Germanujo.

**Universala Pacifista Ligo:** S-ro Einar Dahl, Ridhusgatan 6, Uddevalla, Svedujo.

**Konkurso:** LKK decidis aranĝi konkurson pri prologo rilate al la XXV-a. Kondiĉoj: Ĝi estu apoteozo pri la Jubilea Kongreso. La prologo surhavu devizon; la adreso de la aŭtoro estu aldonata en fermita koverto kun la sama devizo. Lasta dato por alsendo al LKK: 1. VI. 1933. - Premioj: 1. Rm 75 —; 2. Rm 25.—; 3. kaj 4. po 1 kongreskarto. Premia komitato: S-roj Behrendt, Butin, Lippmann, LKK.

**Baldaŭa aliĝo** faciligas nian laboron.

LKK

„Heroldo de Esperanto" skribas: „Estas **nenia kaŭzo** por maltrankviliĝi pro la nova politika reĝimo en Germanlando, pri Esperanto aŭ pri XXV-a Univ. Kongreso en Köln. **Ne hezitu kaj aliĝu baldaŭ!** Venu kaj konvinkiĝu per viaj propraj okuloj, ke Germanlando restis ŝtato bonorda, ke ĉie regas severa disciplino kaj absoluta sekureco. Ĉie la grupoj regule kunvenas, novaj kursoj estas gvidataj kaj Heroldo povas regule aperi kiel antaŭe!

**Grava decido.**

Patronto Nacional del Turismo, Madrid, Strato Medinaceli 2, decidis donaci al Hispana Esperanto - Asocio, Madrid, Strato Chinchilla 2, 2500 pesetojn pro eldonado de Esp.-eldonaĵoj. Ni gratulas al Patronato Nacional del Turismo pro la rekono de Esp. kaj la malavara donaco.

IEMW, Aŭstria E-Asocio

Grupoj, legantoj skribu gratulon kaj informu pri tio la Hispanan E-Asocion.

**Japana Esp.-Verkista Asocio**

(JEVA) fondiĝis kun la celo eldoni nur bonajn verkojn kaj en vere bona tradukado. Aliĝis la plej granda nombro de japanaj verkistoj. En la komitaton eniris: T. Aoŝima, K. Cujuki, K. Macuba, Mijake-Ŝ., K. Nakagaki, J. Ŝiomura, K. Ŝiŝido, H. Takaki, C. Takaiŝ kaj J. Tarao.

## John Mabon Warden

prezidanto de Lingva Komitato kaj ĝia Akademio, Honora prezidanto de Brita E.-Asocio, Honora Membro de Internacia E.-Muzeo, mortis la 7. marto, 76-jara.

Li fariĝis esperantisto en 1905 kaj partoprenis la unuan kongreson en Boulogne. Hejmen veninte al Edinburgh li faris sian unuan kurson. Li fariĝis prezidanto de Edinburgh-a E.-Societo, kiun li faris al unu el la plej grandaj kaj influaj en Britujo.

S-ano Warden ĉeestis ĉiujn kongresojn internaciajn, britajn kaj skotajn, entute pli ol 100. Li ĝuis intiman amikecon kun la Zamenhof-a familio kaj havis multajn amikojn tra la mondo.

En 1915 li fariĝis prezidanto de Brita E.-Asocio post la morto de Bolingbroke Mudie kaj restis en tiu ofico 6 jarojn.

Jam de multaj jaroj ano de Lingva Komitato li fariĝis prezidanto en 1931 post la morto de prof. Cart.

Li redaktis en kunlaboro kun s-ano Harvey kaj f-ino Baird „Edinburgh Poket Dictionary“, de kiu jam estas venditaj 45.000 ekzempleroj.

Lia plej grava laboro por E. estas la eldono de Sankta Biblio. Dum la mondmilito li kolektis kaj konservis la manuskriptojn de Zamenhof, kiujn li dismetis en diversajn lokojn por malhelpi iun eblan detruon. Kun Brita kaj Alilanda Biblia Societo li entreprenis eldoni la tutan Biblion.

S-ano Warden estis aktuario en grava asekura kompanio, el kiu ofico li eksiĝis antaŭ 8 jaroj, por dediĉi sian tutan tempon al E.

Li ripozu en paco!

---

La prezidanto de Internacia E.-Muzeo en Wien faris raporton pri la morto de s-ro Warden al la Federacia Prezidanto de Aŭstrio, s-ro Wilhelm Miklas, kiu sendigis kondolencon al la vidvino:

Jen la traduko de la letero el la germana lingvo:

Al s-ino Mabon Warden

Edinburgh, Cluny Drive 4.

Wien, la 22. marto 1933.

En sia eco kiel protektoro de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien sinjoro la Federacia Prezidanto de Aŭstrio sciiĝis, ke Via edzo, s-ro John Mabon Warden, prezidanto de Esperanto-Akademio, subite mortis. Sinjoro la Federacia Prezidanto min ordonis, esprimi pro ĉi tiu kaŭzo al Vi Lian plej sinceran kondolencon.

Akceptu, tre estimata sinjorina moŝto, la esprimon de la plej granda altestimo de via sincera

Löwenthal.

## Antaŭĝuo de la vojaĝo per aŭtobuso al la XXV-a en Köln.

Telegramstile mi deziras informi ĉiujn, kiuj jam aliĝis al la Karavano kaj la aliajn legantojn (eble ili tiam aliĝos) pri la ĝuoj, kiuj atendos la partoprenantojn de la Karavano.

Forveturo de Wien I. Neue Burg la 26. julio matene 6 h 30, alveno en **Linz** 9 h 30, akcepto, restado 1 horon; **Schärding** (1/2 h)-**Braunau** (gvidado, tagmanĝo) al **Müchen** (alveno 16 h 30. Rondveturado sub gvidado de tiea s-ano. **Vidindaĵoj: Frauen-preĝejo**, malfrugotika brikokonstruaĵo el la 15. jc. kun 2 po 99 m altaj turoj, la ekkonilo de la urbo; **Theatiner-preĝejo** en roma barokstilo el 17. jc.; **Michaels-pr.** el la 16. jc., modelo de renesanca preĝejkonstrustilo en Sudgermanujo; **Dreifaltigkeits-pr.**, 1711 en barokstilo; **Johann Nepomuk-pr.** en luksega rokoko kaj aro da palacoj el la barok- kaj rokokoepokoj. Plue la nova urbo: **„Germana Muzeo“** kun la nova biblioteka konstruaĵo. La muzeo estas unika en la mondo kaj kovras ekŝpoziciterenon da 36.000 m²; la vojo trapasota en la muzeo estas 14 km. Kompreneble ni ne povas dum nia restado rigardi la muzeon kaj la unikajn **Malnova** (antikvaj majstroj de l' pentrcarto) kaj **Nova Pinakothek**; **Glyptothek** (unikaj antikvaj skulptaĵoj); **Lenbach-**, **Schack-** ktp. pentraĵgaleriojn. Tial ni rekomendas iam dediĉi 1—2 semajnojn al München, por ĝui ci tiujn vidindaĵojn.

Dum nia veturado ni ankaŭ en aliaj urboj ne vidos la muzeojn ktp., ĉar mankus la tempo, sed ni vizitos la belajn katedralojn kaj aliajn vidindaĵojn.

Ni vidos la **Novan Urbdomon** en gotika stilo, **„Halon de armeestroj“**; **Propyläen**

(imitaĵo de antikva konstruaĵo en Athen); **Wittelsbach**-fonton; **Novan Teknikan Urbdomon**, la unua turdomo de München.
La plej granda parko de la urbo estas „**Angla ĝardeno**" kun ĉina turo. **Theresienwiese**, kie okazas ĉiujare la konata oktobro-popolfesto, kun kolosa monumento **Bavaria** kaj **Ruhmeshalle** ktp. ktp.
Post rigardo de la urbo komuna vespero kun la München-aj s-anoj verŝajne en Hofbräuhaus.
La 27. VII. forveturo el München post komuna matenmanĝo precize la 7-a al „Augusta Vindelicorum" de la Romanoj. „**Ora Augsburg**" de l' renesanca epoko, la „luksa urbo" de la germanaj imperiestroj kaj regnaj parlamentoj, centro de mondkomerco pere de la gentoj de Fugger kaj Weiser, antikva episkopa urbo depost la 4-a jarcento, scienca kaj ekonomia centroj en la mezepoko ktp.
Vidindaj: La **Katedralo** kaj aro da preĝejoj: **Ulrichs-, Anna-, St. Moritz-, Peters-, katolika Sa. Kruco-** kaj **protestanta Sa.-Kruco**-preĝejoj ktp. Ili ĉiuj estas kun siaj verdaj turkaskoj ekkoniloj de la urbo. Interne valoraj pentraĵoj de Dürer, Cranach, Peter Vischer k. a.
La **Urbdomo** kun **Ora Salonego** — ili estas unikaj en Germanlando! La giganta plafono — oni tiam ne konis betonstangojn kaj maŝinojn — devis esti pendigata per 27 kolosaj ferĉenoj sur la tegmenta trabaro! Apud Ora Salonego „**Princosalonoj**", kie Melanchton defendis kun ega fervoro la tezojn de Luther, kie katolikoj kaj protestantoj subskribis la „Schmalkald-an pacon". Poste Gustav Adolf estis en Ora Salonego.
„**Fuggerei**" — kelkaj dekduoj da dometoj antikvaj estas konstruitaj antaŭ 400 jaroj de konata Jakob Fugger por malriĉaj urbanoj, kiuj pagas pojare M. 4.21 luprezon.
**Fugger**-domo, **Schätzler**-palaco, **Weiser**-domo ktp., fortikaĵremparoj kaj fosaĵoj — pli ol sufiĉe por 1 1/2 hora restado
Forveturo je la 10-a al **Ulm** ( 1 h 30) ĉe Donau, la perlo de mezepoka urbokonstruado. Vidindaj: la bone konservita urbobildo mezepoka, **Münster**, la plej granda konstruaĵo el mezepoka tempo kun la plej alta turo tra la mondo (162 m), 5-nava basiliko el 14-a jc.; orgeno kun 8000 tuboj; loko por 27.000 personoj. **Urbdomo**, 14-a jc., astronomia horloĝo, konsilejo ktp. **Muzeo** en antikvaj patriciaj domoj. **Weinhof**, la plej antikva parto de la urbo, iam kastelo de la imperiestroj el la gento de Karolingoj. „**Schwörhaus**", kie iam la urbestroj kaj gildoj devis ĵuri al la konstitucio de la Libera Urbo. Kvartalo de fiŝkaptistoj kaj felpreparistoj („**Malgranda Venezio**"), pitoreska. Urbmuroj kun turoj, ktp.
Post komuna tagmanĝo forveturo de Ulm al **Stuttgart**, la bela ŝvaba ĉefurbo, en ĉarma mont- kaj valsituo. Vidindaĵoj: **Ĉeffervojstacio** (247 m), nova, kun 58 m alta turo; Turdomego de **ĉefpoŝtdirekcio** kun 1156 fenestroj; **Schloßplatz** (245 m), unu el la plej belaj placoj en la mondo: **Nova Kastelo kaj Antikva Kastelo**, kiu aspektas kiel mezepoka burgo; **Königsbau**, 1860, jonika kolonhalo; **Malnova Schloß-Placo** kun „Alter Kanzlei", 1543, kaj Schiller-monumento de Thorwaldsen; **Foirplaco** kun antikvaj, pitoreskaj frontondometoj kaj en flama gotiko konstruita Urbdomo (68 m alta turo) kun sonoriloludado; „**Hohe Karlsschule**", kie Schiller kiel frekventanto skribis siajn „Rabistojn"; muzeoj, parkoj ktp. Stuttgart estas vere aminda grandurbo kun mondkonataj samideanoj (Prof. Christaller, bankisto d-ro Vogt ktp.). Bedaŭre ni ne povos resti dumnokte en Stuttgart, ĉar dum la sama tempo okazos tie granda mitingo de gimnastikistoj (oni kalkulas kun 300.000) kaj noktigejo ne estas havebla. Pro tio ni forlasos ankoraŭ vespere la belegan urbon kaj noktigos en proksima bela urbeto en Neckar-valo.
Oni konsilis al ni, ke ni ne vizitu Karlsruhe, ĉar K. ne havas vidindaĵojn, sed ke ni prenu la vojon tra Neckar-valo kun ĝiaj ĉarmaj urbetoj, vilaĝegoj kaj vilaĝetoj, kun ĝiaj fortikaj burgoj kaj pitoreskaj ruinoj al **Heidelberg** — kaj ni sekvos la konsilon! Daŭrigota
Aliĝu baldaŭ al la karavano, se vi deziras partopreni! Ĉiujn informojn kontraŭ respondafranko!

Steiner

---

**Eldiroj.**

La plej alta edukmaniero ne estas tiu, kiu kontentiĝas pri sola perado de scio, sed tiu, kiu kondukas nian vivon al harmonio kun senfino kaj al vivo eterna.

Rabindranath Tagore

La homaj deziroj similas salakvon; ju pli oni trinkas des pli oni soifas. Konfucio

Kun plezuro mi akceptas ideon, kiu celas pligrandigi la nombron de feliĉaj kaj kontentaj homoj. Franklin

**(Laŭ „Oomoto Internacia"-Kameoka)**

**Heine kaj Barono Rothschild.**

Heine kondutis ofte impertinente kaj sarkasme kontraŭ Rothschild, ĉar la barono traktis lin tre familiane. Iufoje promenante tra Paris ili haltis sur ponto trans Seine kaj la barono rigardante la riveron diris al Heine: „Mi ne komprenas, kial Seine en Paris estas tiom malpura. Mi vidis ĝian fonton en la montaro kaj ĝia akvo estis purega kvazaŭ kristalo". „Ne mirinde', respondis Heine, „Via avo estis ja ankaŭ tute honesta homo."

**(Laŭ „Ligilo"-Prostejov)**

**Ĉeĥoslovaka E-Instituto**

festis en februaro sian 10-jaran fondiĝon. Ni elkore gratulas kaj deziras ĉiaman sukceson al ĝiaj laboroj. IEMW

**„Instruista sekcio“ en Estonio.**

„Instruista sekcio“ estis fondata ĉe neŭtrala Esp.-Societo „Espero“ en Tallinn. La ĉefaj celoj: Prepari bonajn E-geinstruistojn kaj laŭeble enkonduki instruadon de E en la lernejojn. — Adreso: S-ino F. Gutmann, Tallinn, Kaupmehe 6.

**Skolta ĵamboreo en Budapest.**

En Budapest 10 kursoj ĉe skoltoj. En Wien nun funkcias kurso ĉe St. Georg-sk. de s-ano Jakob. Propagandu en skoltaj rondoj por la ĵamboreo kaj informu pri partopreno s-anon Paul Balkányi, Budapest 507.

**Novaĵo:** Bela afiŝo, montrante la paradmenton en Budapest, kun la teksto: „Vizitu Budapeston. Kunveno de Skolta Esperantista Ligo, 1.—16. Aŭgusto 1933 Ĵamboreo.“ Urba Fremdultrafika Oficejo, Budapest dissendis ilin kune kun 15 paĝa broŝureto „Plano de B.“ kaj gvidfolio „Vizitu B.“.

**„El ruĝa Ukrainio“**, Informilo de Ĥarkowa filio de „Proleta E-Korespondado“, Esperanto-Unio, Palaco de Laboro 60, Ĥarkovo aperigis antaŭ nelonge sian unuan numeron.

**Esperanto-Kurso en aŭtobuso.**

Aŭtobuso-ekspreso precize je la 7-a matene forveturas de Puŝkin-placo en Moskvo al la aŭtomobila uzino-giganto je nomo de Stalin, kies direktoroj ĉiutage uzas ĉi tiun trafikilon. K-do Ĵavoronkov dum la 10-minuta veturado instruas parolmetode 8 personojn en Esperanto kaj ili faris jam bonajn progresojn.

(Laŭ „Bulteno de SEU, Moskva“)

La **Manĉuria Federacio de esp.-istoj** decidis klopodi por proponi E-on kiel oficialan lingvon de Manĉukuo — por abolicii la anglan lingvon — por enkonduki E-on en Manĉuriaj fervojo kaj Kantung-gubernio.

(Laŭ „Sennaciulo“)

**„Unzufriedene“**, socialdemokrata viringazeto en Wien, publikigas E-kurson.

**Oomoto Internacia!**

Por feb.-marto 50 paĝa kun sensacia artikolserio de Julio Baghy pri la problemo de l' neologismoj. Valoraj kontribuaĵoj de ĉiunaciaj esperantistoj! Abonkotizo 1 usona dol. Mendu ĉe Oomoto Centra Oficejo, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.

**„Confédération Générale du Travail** en Paris decidis krei E-kurson en Supera Laborista Instituto. (Laŭ „Sennaciulo“)

**Koran kondolencon**

al nia ŝatata direktoro de Centra Oficejo de Univ. Federacia Esp. (UFE) en Genève Robert Kreuz kaj lia edzino okaze de la morto de la patrino de s-ino Kreuz.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Linz, Weissenwolfstr. 31

## Voranzeige.

Die diesjährige Hauptversammlung des Oesterr. Esperanto-Bundes findet am 4. und 5. Juni (Pfingsten) in Wien statt. Programm und Einzelheiten im Mai in Aŭstria Esperantisto, Informaj Raportoj und mittels Rundschreiben.

Alle Gruppen und Anhänger der unpolitischen Esperanto-Bewegung werden zu recht zahlreicher Teilnahme eingeladen.

**Provisorische Tagesordnung:**

Tätigkeitsbericht
Kassabericht und Revision
Bericht über Haltung des Bundes in Angelegenheit der Neuorganisierung der Esp.-Bewegung
Neuwahl des Vorstandes
Diverses

Für den unterhaltenden Teil, Führungen in Wien, Ausflüge, sorgt die Wiener E-Vereinigung.

La grupoj sufiĉe frue sendu al ni eventualajn proponojn kaj zorgu por pago de de la membrokotizo. Der Vorstand

## Gratisfahrt nach Köln

**zum 25. Esp.-Jubiläumskongreß**

mit der österr. Autobuskaraware gestiftet von:

Viena Esperanto-Unio
Lehrerschaft der „Esp.-Frühjahrskurse“
Regierungsrat H. Steiner (senatano)
Nikolaus Hovorka (sekretario).

Alle regelmäßigen Teilnehmer an den Frühjahrskursen können sich um den

**Köln-Preis**

bewerben.

Maßgebend für die Bewertung ist, wer das Kursziel am eifrigsten angestrebt hat; also auch langjährige Esperantisten (Kurs S) können teilnehmen.

Der Preis schließt die Reisekosten, nicht aber die Aufenthaltsspesen ein.

Für die anderen Teilnehmer eine Reihe von Trostpreisen.

**Beginn der Kurse:**

Montag, 3. IV.: „A“ 7-9, IV. Schäfferg. 3
Dienstag, 4. IV.: „F“ 7-9, IV. Schäfferg. 3
„B“ 7-9, XII. Schönbrunnerstr. 271
Mittwoch, 29. III.: „S“ 7-9, IV. Schäfferg. 3
5. IV.: „K“ 7-1/2 8, I. Freyung 6

Donnerstag, 6. IV.: „D" 7-9, IV. Schäfferg. 3
Freitag, 7. IV.: „E" 1/27-8, I. Schubertring 2
31. III.: „H" 1/29, I. Schubertring 2
Kurse für Anfänger: A und B,
für fortgeschrittene Anfänger: C, D, E,
für Fortgeschrittene: F.
für Esperantisten: S (H und K).
Beitrag: Mitglieder der Viena E-Unio: S 3.— pro Monat (H und K kostenlos). 20 Unterrichtsstunden.

**Gr. Siegharts.** De oktobro mi sukcesis pligrandigi la nombron de la esp.-istoj de 6 ĝis 20. Nun ni komencis kurson kun 19 fraŭlinoj, post kiam ni havos 40 anojn. Mi nun provos la propagandon en la ĉirkaŭaĵo.
Nowotny.

**Mattighofen.** La E-Kurso okazigis la 1. IV. publikan lumbildparoladon „Per Hapag al Ameriko". La klarigoj okazis en Esp. kaj germana lingvoj. Ĉeestis ankaŭ neesperantistoj. Propaganda sukceso. 70 diapozitivoj disponigitaj de Hapag-filio, Linz, senpage.

**Wien.** E-Soc. **„Danubio".** Aprila programo: 3. N. Fugger-Köln „El Zamenhofaj kongresparoladoj", dir. Struska „La malsimplaj temoj en E", f-ino Sprinzel „Moderna fabelo"; 10. Zamenhof-memorvespero: Paroloos kaj prelegos ges-anoj Cech, Denks, O. Foltanek, Schäffer, Th. Kohn; 4. Parolata E-gazeto: F-inoj Basler kaj Höss, s-anoj Cech, Hovorka, Klein, d-ro Pfeffer, Jakob.

**Wien.** Kat. Unuiĝo Esp. havis sian ĝeneralkunvenon la 19. marto. Antaŭtagmeze Sankta Meso kaj posttagmeze Ben-Diservo farita de paroĥestro de Sa. Karlo, P. Georg Plank. — Subparoĥestro P. Fr. Kudrnovsky faris la festparoladon kaj menciis la partoprenon de la Esp.-katolikoj en la ĉijara Katolikoj-kunveno en Wien. Elkorajn salutvortojn la prez. dediĉis al la novelektita kardinalo d-ro Innitzer kaj memorvortojn al la mortinta amiko de E, la kardinalo d-ro Piffl. — Elektitaj: Chiba-prez.; kalk. kons. Siedl kaj Mudrak-vicprez.; Maria Mildschuh kaj baronino Scherpon-sekr.; dir. Schiebl kaj financa ĉefkons. d-ro Walka-kas. — Jarkotizo S 3.—. — Sekvis amuza parto kun seriozaj kaj gajaj recitoj de oficejkons. Gasperini, eldonisto Hovorka, A. Berndl kaj kantoj de Rosa Wernert, akompanata de solisto sur ĉaskorno Sieghart. — Bonega vizito.

**Ekskurso al Bratislava**

Viena E-Unio, grupo Danubio, invitas al ekskurso al Bratislava dimanĉe la 23. aprilo, per vaporŝipo. Veturprezo S 4.—, pasportkotizo S —.25.

Forveturo de Reichsbrücke je 7-a matene, reveno je 10-a vesp.

Aliĝojn sendu al „Danubio" kaj „Kalocsaj-grupo" (vidu pĝ. 50). Indiku nomon, naskiĝdaton, adreson kaj ŝtat-anecon. Pasporto ne necesa.

Der Esperanto-Klub Wien erlaubt sich, Euer Hochwohlgeboren zu seinem am 20. April 1933 um halb 8 Uhr abends stattfindenden

**1. österreichischen Dichter-Abend**

in sein Klubheim, Goldener Saal des Café Siller, I. Schwedenplatz (Eingang durch das Haustor Laurenzerberg 4) höflichst einzuladen:

Nikolaus Hovorka:
Bekenntnis zu Österreich.

Rudolf Henz:
Baum im Hof — Mitternacht — Karfreitagsministranten — Menschen im Übergang — Trinklied in bösen Zeiten — Aus der Döblinger Hymne.

Friedrich Schreyvogl:
Aus der Habsburgerlegende, die im Burgtheater mit Werner Krauss zur Aufführung gelangt.

Ernst Scheibelreiter:
Ewige Ernte — Sonntag der Bäuerin — Ballade vom Roß — Der heilige Mensch — Schrebergärtnerlegende.

V. O. Ludwig:
Heiteres aus eigenen Dichtungen.

Conférence: Rudolf List

**Vizito al la horloĝmuzeo.** E-soc. Danubio aranĝas por siaj membroj kaj amikoj viziton de la muzeo. Renkonto 16 h 50 antaŭ la muzeo, I. Schulhof 2. Nur 20 povas partopreni. Oni sin anoncu ĝustatempe.

**Esperanto-kurso** de „Kleines Volksblatt" vizitos la 6. majo je la 16 h la horloĝmuzeon, kie nin gvidos s-ano dir. Kaftan.

**Kial mi fumas?**

1. ĉar mi havas superfluan sanecon fordoneblan kaj pro tio devas peni, kiom eble plej baldaŭ seniĝi de ĝi,

2. ĉar mi havas de naturo mirinde subtile organizitan pulmon, kiu taŭgas por kamentubo kiel „pugno je la okulo",

3. ĉar mi havas superfluan monon kaj pro tio opinias, ke estas plej prudente, forblovaĉi ĝin en la aeron,

4. ĉar mi havas tempon en abundo kaj ne scias okupon pli saĝan ol blovi fumnubojn en la aeron,

5. ĉar mi feliĉmaniere neniam studis la „bonan konduton en ĉiuj vivsituacioj" kaj pro tio ne bezonas preni konsideron je miaj kunvivantoj, al kiuj mi per la fumado malagrabligas la aeron,

6. ĉar la aliaj ĉiuj ankaŭ fumas kaj mi kiel homo de l' amaso sentas min konscience devigata, imiti ĉiujn malsaĝaĵojn de la aliaj.

7. ĉar mi . . . ĉar mi . . . iam komencis fumi kaj ne havas la energion ree ĉesi kaj forigi tiun malbonan kutimon.

(„Flandra Esperantisto")

**Hungara Antologio.** Redaktis: K. Kalocsay; kunlaboris: J Baghy, K. Bodo, L. Halka, F. Szilagyi, L. Totsche. Enkondukon verkis Mihaelo Babits. Poemoj kaj noveloj de 50 hungaraj verkistoj. Eldonis „Literatura Mondo" kaj „Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj", Budapest IX. Mester-u. 53. Formato 15×23 cm; 472 teksto- kaj 24 kliŝopaĝoj kun la fotoj de 47 verkistoj. Senligna papero, Multkolora kovrilo. Prezo svis. fr. 12.— broŝ., fr. 14.— bindita. Aldonu 10% por sendkostoj **Membro de AELA** ricevas ĝin por sia kotizo de 13.50 fr kiel unuan libron el la serio de ses libroj. Detala recenzo en la maja numero.

**Eldona Soc. Esperanto, Stockholm.**
**„Esperanto-Sveda Vortaro"** de Paul Nylen. 232 paĝa. Prezo broŝ. sved. kr. 3.75, bind 5.—. 1933.

La E.-sveda vortaro de la mortinta sveda E.-pioniro G. H. Backman pro la granda disvolviĝo kaj prospero de la sveda E.-movado elĉerpiĝis. Paul Nylén, tut-esperantuje konata pioniro, Lingva Komitatano kaj Akademiano, membro de Int. Honora Komitato de Int. E.-Muzeo en Wien, akceptis la gravan taskon ellabori novan vortaron. Nylén jam de 1892 partoprenante la E.-laboron estis en 1896 kunredaktoro de Lingvo Internacia, tiam eldonita en Upsala, Svedujo. Lia nuna verko havas tre grandan valoron, ĉar majstre li estras la svedan kaj E-lingvojn — li estas la plej granda aŭtoritatulo inter la svedaj s-anoj — kaj ne nur la vivanta sed ankaŭ venontaj generacioj ĝuos la fruktojn de liaj multjaraj studoj.

La oficialaj vortoj estas signitaj per steleto. Sub la radikvortoj, speciale la plej gravaj, sekvas la plej ordinaraj derivaĵoj kaj kunmetitaĵoj, klarigitaj per multaj bonegaj ekzemploj, kiuj ege interesis min kaj ankaŭ interesos samideanojn, ne komprenante la svedan lingvon.

Belega eksteraĵo, bonega preso — ekipo, kiu etikedas la eldonaĵojn de ESE. Steiner.

**Enigmo de Alois Lass, Bisamberg.**

| | |
|---|---|
| . . . . . . . | rajdejo |
| . . . . . . . . . | forta inklino |
| . . . . . . . | spicaĵo |
| . . . . . | aro |
| . . . . . . . | malracia |
| . . . . . . . | medicininstrumento |
| . . . . | tumulto |
| | kvara kazo de nedifinitiva pronomo |

a, ab, ab, ak, al, br, eĝ, gr, j i, ik, il, in, in kt, man, man, n. nd, o, o, o, o, o, o, o, on, on, pa, pr, rd, so, st, su u, up

El la supraj literoj formu vortojn, kies komencliteroj legataj de supre malsupren kaj kvaraj literoj de malsupre supren enhavas gravan sciigon al AE.

Instruisto „Kiu estas kanibalo?"
Johano: „Mi ne scias, s-ro."
Instr.: Kiu vi estus, se vi formanĝus vian patron kaj patrinon?"
Joh.: „Orfo, s-ro instruisto."
(„Flandra Esperantisto")

**Deziras korespondi:**

**Ĉinujo:** K. S. Cheng, **Swatow,** II. Yung Hsing fifth S .
**Latvio:** F-ino Mildh Kalnin, **Riga** Vilandns iela 3a dz. 7.
**Kalifornio:** S-ino Ellen M. Glassen, **Los Angeles,** 1322 West 22nd St.
**Argentinio:** Jose Haleczky, fotografisto, **Buenos Aires,** Calle Uruguay 115.
**Kanado:** F-ino Jean Johnston, 17-jara muziklernantino, **Vancouver B. C.,** 936 Cardero St.
**Portugalujo:** Esp.-Societo de Coimbra, **Coimbra,** Rua Alexandre Herculano.
**Nederlando:** Esp.-grupo „Verda Stelo", **Slikkerveer,** Willemstr. 141.

**Kunvenoj de esperantistoj.**
**Zusammenkünfte der Esperantisten.**

**Baden:** N. Pronay, Bahngasse 2.
**Braunau** a. I.; Haselbauer, Linzerstr. 7/II.

**Graz.**

E-Verein für Steiermark, Schönaugasse 6/II, Heim: Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.
E-Verein „Em. Peltier", Sackstr. 16/II, Mo (l) 20 h.
**Gr. Sieghartz:** Portier Novotny, Fabrik.
**Innsbruck:** Hotel Grüner Baum, Museumstr. 35, Do (j), 20 h.
**Klagenfurt:** Elektrizitätswerke.
**Linz:** Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Salzburg:**

E-Grupo: Gastejo Schwarzes Rössel, Berggasse, Mi (mk) 20 h.
E-Grupo ‚Estonteco", prez. Kaps, Dreifaltigkeitsgasse 14.
**Sigmundsherberg:** Schule, Fr (v) 20 h.
**Steyr:** Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

D-ro Sos-Grupo. I., kafejo Kolowratring, Schubertring 2 Fr. (v.) 19 h.
Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.
Koloman Kalocsay-Grupo ĉe s-ro Hovorka, IX. Löblichgasse 3, Mi (mk) 19 h.
Libera E-Rondo „Verda Angulo ‘, kafejo Hrdy, XVI. Ottakringerstr. 119: Mi (mk) 20-22 h
E-Rondo „Kolonelo Zwach" ĉe Stafa, VII Mariahilferstr. 120. Di (m), 16-18 h.
Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (mk) 18—20 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.